# LA REDAKTORO DIRAS

Fotografija na naslovnoj strani je snimljena ljetos u Zagrebu, a na njoj je Alphonso Diatta iz Senegala, jedan od desetero esperantista iz Afrike koji su svoj prvi neposredni susret s esperantistima doživjeli ljetos u Warszawi, Budimpešti i Zagrebu. Njihov boravak u Zagrebu financijski je omogućila Lutrija Hrvatske. Svi oni koji bi se željeli upoznati i družiti s mladim afričkim esperantistima imat će za to priliku na 44. Međunarodnom kongresu omladine (IJK) u Zagrebu, jer je već najavljen dolazak desetak esperantista iz Afrike.

***

Nova je godina ponovo prestigla ritam izlaženja Tempa, no to nije razlog da vam u najboljoj namjeri ne objavimo red izlaženja našeg časopisa u 1988.:

br. 1 — travanj, 1988.
br. 2 — lipanj, 1988.
br. 3 — listopad, 1988.
br. 4 — prosinac, 1988.

Zdravlja, ljepote, rada, uspjeha i druženja u drugom stoljeću esperanta želi vam urednik.

Ivica -ŠR


**TEMPO**

ZAGREB 1988. 01. 11.
broj/numero 34
godina/jaro VIII
primjeraka/ekzempleroj 2000

osnivač i izdavač / fondinto kaj eldoninto
Savez za esperanto Hrvatske
Kroatia Esperanto-Ligo

savjet glasila / konsilantaro
Ljerka Begić, Josip Brkanac (predsjednik/prezidanto), Dalibor Kudumija, Nikola Rašić, Tea Ružić, Slavko Šimunić, Ivica Špoljarec

glavni, odgovorni, grafički i tehnički urednik
ĉefa, respondeca, grafika kaj teknika redaktoro
**Ivica Špoljarec**

uredništvo / redakcio
Dalibor Kudumija, Nikola Rašić, Judita Rey, Tea Ružić, Ivica Špoljarec, Spomenka Štimec, Zlatko Tišljar

slaganje i tisak / kompostis kaj presis
**Internacia Kultura Servo**
Međunarodni centar za usluge u kulturi
Zagreb, Amruševa 5/I

adresa redakcije / redakcia adreso
Savez za esperanto Hrvatske
„Tempo"
YU-41000 Zagreb, Amruševa 5/I
tel. (041) 424-660

izlazi tromjesečno / aperas 4-foje jare

cijena 1 primjerka / prezo de 1 ekzemp.
350.- din.

godišnja pretplata / jarabono
1.200.- din.

„Tempo primaju svi članovi SEH-a s uplaćenim članarinama za tekuću godinu.

Po mišljenju Republičkog sekretarijata za prosvijetu, kulturu i fizičku kulturu SRH, broj 2788/1-1980 od 16. 4. 1980. godine, glasilo Saveza za esperanto Hrvatske „Tempo" oslobođeno je poreza na promet proizvoda.







# JUBILEJ KOJI TRAJE !

*Jubileje kao i Nove godine dugo i nestrpljivo iščekujemo, planiramo i zamišljamo. A kad dođu, brzo prođu. I tek tada shvatimo da smo možda mogli i više! A njih više nema — postali su prošlost.*

*No, nebojte se, jer ovaj naš, esperantski, i dalje traje. Zapravo tek je započeo! Evo kako: jubilarna godina izlaženja prvog udžbenika esperanta službeno traje do 26.7.1988.; prvo esperantsko društvo osnovano je 1888. u Nurnbergu što je razlog za obilježavanje jubileja esperantskog pokreta; 1989. je stota godišnjica esperantskog novinarstva; koncem 1988. se navršava 80-godišnjica osnivanja prvog esperantskog društva u Zagrebu, a odmah potom i 80 godina od osnivanja našeg Saveza (tada: Društva hrvatskih esperantista), itd.*

*A uz sve to predstojeće desetljeće (1988.—1997.) su UN i UNESCO proglasile godinama RAZVOJA KULTURE U SVIJETU. A razvoja i širenja kulture nema bez suradnje i komunikacije, a potpune i ravnopravne komunikacije nema bez zajedničkog neutralnog međunarodnog jezika.*

*Dakle, "ek al la laboro"!*

# UTILECO, NE VENKO

...Mi opinias, ke ĝuste la vorto kaj ideo "venko" estas unu el la plej gravaj obstakloj por akceptigi Esperanton. Parolante pri la fina venko de la Internacia Lingvo ni fakte prezentas al la publiko celon, kiu tute nature devas al la plejparto de neesperantistoj ŝajni kiel nereala utopio, ĉar ili ne kapablas imagi, ke tia artefarita lingvo, sporade parolata /kaj ofte nur balbutata/ de nemultaj hobiuloj, povus anstataŭi potencajn naturajn lingvojn, kiel la angla, franca, rusa k.s., kiuj estas firme ligitaj kun la ĉiutaga vivo kaj laboro en nenombreblaj profesioj kaj tiamaniere ankaŭ kun la ekonomioj de ĉiuj ŝtatoj. Tial ili malrespekte deturnas sin de ni, vidante en ni nur naivajn fantaziulojn, kiuj ne kapablas pensi realisme. Se ni volas akiri la konfidon, respekton kaj precipe helpon de la publiko, ni devas prezenti al ĝi tiajn celojn, kiuj ankaŭ al la neesperantistaro povas ŝajni realigeblaj.

Por nia movado pli gravas aktiva helpo de "nekredemaj Tomasoj" ol senfrukta fantaziado de ortodoksaj konvikitoj. Mi konas homojn, kiuj malgraŭ sia skeptikeco helpas kaj subtenas nian movadon, kaj homojn, kiuj sian entuziasman kredon opinias sufiĉa kontribuo al la ideo kaj faras nenion alian, eĉ la lingvon mem ili ofte ne finlernas. Tamen, Esperanto ne progresas per promesplenaj fantazioj, sed per ĉiutaga, formika laboro de tiuj, kiuj ne multe cerbumas pri la fina venko, sed klopodas pri pli proksimaj celoj, kiel pri pretigo de vortaroj, lernolibroj, gazetoj, libroj, kursoj, seminarioj ktp.

Persvadi la publikon pri la fina venko de Esperanto ne havas sencon, ĉar tia imago estas por tiu publiko nekredebla kaj nedigestebla. Sed ni povas konvinki ĝin, ke Esperanto estas kaj ĉiam restos **utila lingvo**, sendepende de tio, ĉu ĝi venkos aŭ ne. Eĉ se la angla kaj ceteraj mondlingvoj konservos sian ĉefan rolon en la internacia komunikado, ĉiam restos en la mondo centimilionoj da personoj, kiuj ne kapablos interkompreniĝi per ili, ĉar tiuj lingvoj estas tre malfacilaj. Esperanto do ĉiam havos sufiĉan spacon por esti aplikata, eble nur kiel apuda, duaranga mondlingvo, sed fare de milionoj da homoj, kaj tia lingvo ja ne estas senbezona, eĉ se ĝi ne estos la plej grava. Anstataŭ dependigi Esperanton de ĝia venko, ni dependigu ĝin prefere de ĝia utileco, ĉar tute ne estas certe, ke ĝi iĝos "dua patrolingvo por ĉiuj", sed estas

certe, ke eĉ sen tio ĝi estos utila.

Ni povas tre facile klarigi, kial Esperanto ĝis nun ne atingis tiun "sufiĉan" utilecon: ĝi travivis sian lingvan infanaĝon kaj nun ĝi iĝis adoleskanto. Dum la pasintaj cent jaroj Esperanto evoluigis sian komunuzan kaj beletran stilon, adaptante sian vortprovizon al la ĉiutaga vivo, majstre priskribita precipe en beletraĵoj, sed nuntempe ĝi tralaboras ĉefe sian fakan stilon kaj preparas terminarojn, sen kiuj Esperanto kompreneble ne povis esti sufiĉe vaste aplikata en profesioj. Atendas nin multe da laboro: miloj da terminaroj, teknikaj vortaroj Esperantaj-nacilingvaj, lernolibroj por specialistoj, veraj montoj da fakaj literaturaĵoj. Ĝis nun Esperanto estas lingvo de hobiuloj, ne de homoj, kiuj bezonas interkompreniĝi pri sia laboro. Tio devas ŝanĝiĝi, se nia movado volas fari grandan paŝon antaŭen. Poste lernos ĝin pli da homoj kaj pli diligente, la komunikataj informoj havos pli gravan /ekonomian/ signifon. Do ni povas prave atendi, ke la graveco de Esperanto en la futuro konsiderinde kreskos, ke ĝi fariĝos minimume unu el la signifoplenaj mondlingvoj. Tamen, kiu povas scii, ĉu ĝi vere iĝos la ĉefa mondlingvo? Troigado de niaj aspiroj ne helpas, sed grave subfosas nian laboron. La publiko ekkredos pli an negranda, sed realisma tasko ol al granda utopi-aspekta revo. Ni do ĉiam emfazu kreskon de la utileco de Esperanto en la futuro, ne ĝian venkon super aliaj mondlingvoj.

Ne paroli pri la "venko" ne signifas, ke ĝi ne povas okazi. Male, ĝi proksimiĝos pli rapide, se ni ne fortimigos per ĝi la publikon.

Miroslav MALOVEC
el „Starto" 4/86 (115)
(Organo de Ĉeha Esperanto-Asocio)

---




Stano Marček



# ĈU NI KRESKAS AŬ MALKRESKAS ?

Kvankam ne estas iu rondcifera jaro por analizi 5- aŭ 10-jaron periodon, tamen estas bona okazo nun, kiam ni havas nian ĝeneralan 100-jariĝon, iom turni la atenton al la vojo kiun ni pasas. Mi ne havas sufiĉajn indikojn por analizi la evolusituacion en Jugoslavio, sed relative bonajn indikojn mi posedas pri Kroatio. La lasta enketa esploro de la stato en Kroatio okazis en 1981-a jaro kaj bazante sin sur tiuj indikoj eblas konstati ke intertempe prezentiĝis aro da pozitivaj sed ankaŭ aro da negativaj tendencoj en la movada evoluo. Ni montru unue la negativajn.

1. La nombro de la membraro stagnas. Jam en 1981 estis ĉirkaŭ 700 pagantaj membroj en KEL, nuntempe estas same. Rigardante la nombron de kursoj ĉu en societoj, ĉu en lernejoj, la situacio estas proksimume la sama. Ĉirkaŭ 2000 kursanoj jare lernas la bazon de la lingvo. Tion konfirmas ankaŭ la vendataj lernolibroj ĉe IKS: 2500-3000 jare.

2. La tendenco en la pasinta jardeko ke altiĝadis la nombro de societoj nun ĉesis. En la periodo de 1976-1980 fondiĝis 8 novaj societoj, dum inter 1981 kaj 1986 nur 7 kaj en la sama periodo 3 el ili estingiĝis (Ŝibenik, Koprivnica, Vinkovci).

3. Aktivado de gejunuloj malpliviĝliĝis. Malgrandiĝis la nombro de amasaj junularaj renkontiĝoj en Kroatio, kaj eĉ la konstanta aranĝo en Kumrovec laste atingis centon da junuloj kvankam en la pasinto ĝi atingadis inter 300 kaj 400. Krome, esence malaltiĝis la nombro de gejunuloj vojaĝantaj al eksterlandaj junularaj E-aranĝoj. Ĉesis la regulaj karavanoj al TEJO kongresoj.

4. La oficeja spaco de KEL ankoraŭ ne estas solvita nek la deziro havi profesian stabon. Ne renoviĝas en kontentiga kvanto gvidantaro de la movado kaj KEL ne havas sufiĉe kontinuan kontakton kun la societoj ekster Zagrebo.

5. Lingva nivelo malkreskas. Estas malmultaj homoj kiuj estas kapablaj tradukistoj kaj kapablaj parolantoj de Esperanto. Superaj kursoj (B, C, D) apenaŭ okazas.

Kaj nun la pozitivaj tendencoj:

1. Tre kontentiga informado. Aperas "Tempo" (4 numeroj jare), Bulteno de KEL (7-8 numeroj jare), semajna rubriko en nacilingva ĵurnalo en Večernji list, semajna E-elsendo ĉe Radio Zagreb kaj aperadas ofte informoj en ĝenerala gazetaro, radioj kaj televido.

2. Administra organiza aspekto de KEL stabiliĝis. Nova registriĝo en nova statuso de socia organizaĵo kun nova statuto estis akceptita, atingita kontrakto kun IKS, bone funkcianta kunlaboro kun Junulara Organizo de Kroatio, stabiligita administrado far de altkvalita konsisto de la prezidantaroj.

3. Financado firmigita kaj esence plifortigita ĝuste en la periodo post 1981, speciale pro nova statuso en la Leĝo pri loterio. Ankaŭ la aranĝoj kiel la "100-jariĝa manifestaĵo" kaj IJK en Zagrebo en 1988 helpas al plia financa fortiĝado, malgraŭ la ĝenerala ekonomia krizo en Jugoslavio.

4. Plifortiĝado kaj stabiliĝo de la pozicio de IKS en la Zagreba kulturo certigas profesian kaj kontinuan agadon en la sfero de instruado, lernolibra eldonado kaj literatura eldonado, same kiel pli da kontaktoj kun neesperantistaj instancoj kaj entreprenoj. Lerneja agado en Zagrebo ricevadas novajn instigojn, speciale en Nova Zagrebo.

5. Internacia famo de Kroatia E-movado plifortiĝadis per la evoluiĝo de la Zagreba Metodo, per diversaj eldonagadoj, per PIF, jam antaŭe menciitaj manifestaĵoj ktp. Kreskis ankaŭ kultura, literatura influo. Pluraj originalaj E-verkistoj estis distingitaj en internaciaj literaturaj konkursoj (S. Ŝtimec, L. Borĉiĉ, A. Ŝimuniĉ, V. Piŝkorec).

6. Interesiĝo en la ĝenerala publiko por esperanto estas pluroble grandigita. (Lernejaj esploroj montras ke inter 15-20%de ĉiuj Zagrebaj lernantoj dezirus lerni esperanton). La ĉiu-monataj ekspresaj du-semajnfinaj kursoj en Zagrebo (okazintaj dum la tuta 1987-a jaro) montras ankaŭ granda interesiĝon inter aliaj civitanoj (inter 30 kaj 130 homoj anonciĝis ĉiumonate kaj en 1987 ĉirkaŭ 600 personoj aperis el tiuj kursoj). La organizita E-movado simple ne povas akcepti tiom da kursanoj kiom da ili volas lerni kaj aliĝi.

Kion konkludi?

Ŝajnas al mi ke nun necesas urĝe solvadi du ĉefajn obstaklojn (ĉar la tria ĉefa obstaklo: ekonomia krizo de Jugoslavio, estas ekster nia povo):

a) helpi la lokajn societojn plifortiĝi, plijuniĝi, plinombriĝi.;

b) evoluigi fortan multflankan kunlaboron kun la regionoj de Alpoj-Adriatika sistemo kiel la ĉefan eblecon doni ion konkretan al la nova (kaj malnova) membraro.

Paralele kun tio necas pli atente stimuli pli profundan lingvolernadon en (pli altaj gradoj post la baza lernolibro). Nature, gravan paŝon en plijuniĝo de la Movado kaj same en la lingvokapabligo povas prezenti la 44-a Internacia Junulara Kongreso de TEJO en Zagrebo.

Zlatko Tiŝljar

---



Mi ne estus devinta dungi tiun arkitekton el Pisa !

( el „Itala Fervojisto" 2/86 )

REDOVNA GODIŠNJA SKUPŠTINA SAVEZA ZA ESPERANTO HRVATSKE održat će se 27.02.1988. u 10 sati u Karlovcu (hotel "Korana").

## JUGOSLOVENSKI KONGRES ESPERANTISTA U BANJA LUCI

Od 19-21.VI u Banja Luci je održan 22. jugoslavenski esperantski kongres. Kongres je u ime SK SSRNJ otvorio Hrvatin Josip. Na kongresu je sudjelovalo ukupno oko 500 sudionika od čega 40 delegata iz SRH. Kongres je radio u plenumu i u 5 komisija, a paralelno s njim odvijao se i znanstveni skup. Delegaciju SRH vodio je predsjednik Milan Kočiš, a u znanstvenom dijelu sudjelovao je referatom Nikola Rašić. Član Odbora za pripremu Kongresa u ime SEH-a bio je Ivo Osibov.

## PIONIRI NA MEĐUNARODNOM LJETOVALIŠTU U MAĐARSKOJ

Grupa pionira iz Zagrebačkih osnovnih škola koja uči esperanto boravila je na međunarodnom susretu pionira esperantista u ljetovalištu pionira – Zanki (Mađarska) na obali Balatona. Sudjelovalo je 12 pionira i 1 voditelj (Mladenka Đaković) u toku 10 dana srpnja 1987. Uzvratno je 13 pionira i voditelja iz Mađarske sudjelovalo 7 dana u Zagrebu na manifestaciji "100 godina esperanta u kulturi".

## NAŠI ESPERANTISTI NA KONGRESIMA U KRAKOVU I VARŠAVI

Prošle su godine centralni kongresi održani u Poljskoj. Na TEJO-kongresu u Krakovu sudjelovalo je oko 30 učesnika iz Jugoslavije. Posebno treba istaknuti veću grupu Zagrepčana, među kojima su se nalazili i predstavnici LKK-a Zagrebačkog TEJO-kongresa, članovi Dramske grupe SEK-a iz Zagreba te desetak omladinaca iz Rijeke. Na najvećem kongresu do sada u Varšavi među 6000 učesnika iz cijelog svijeta bilo je i oko 150 Jugoslavena. Službeni delegati iz naše republike u delegaciji JEL-a su bili Spomenka Štimec i Ivo Osibov.

## TELEVIZIJA, RADIO I ŠTAMPA O ESPERANTU U 1987. GODINI

Premda su se javni mediji posljednjih godina sve više uključivali u informiranje o esperantu, ipak se može reći da je jubilarna godina za međunarodni jezik bila i povod za osjetno obimnije informiranje. Nemamo točne statistike no u SRH je objavljeno oko 100-tinjak članaka u dvadesetak listova, bilo je i oko stotinjak radio-osvrta, a i televizija Zagreb imala je više od 10 većih ili manjih emisija i javljanja. Svakako najefikasniji je bio kviz "Kviskoteka" od 11.XII. 1987. koji je dobrim dijelom bio posvećen esperantu. Na kraju godine "Večernji list" je objavio i vrlo iscrpan feljton o esperantu iz pera Spomenke Štimec u 9 nastavaka. Ovom prikazu treba dodati i redovne tjedne rubrike na radio Zagrebu (emisija za esperantiste) i u "Večernjem listu".

## DAN ZAMENHOFA U SRH

OSIJEK – Kao i u Rijeci u listopadu i Osijek je posvetio cijeli tjedan obilježavanju esperanta, tokom prosinca. Od 11-18.XII bilo je niz aktivnosti od ekspresnog vikend-tečaja, kulturnih aktivnosti (nastup Vide Jerman, prikaz filmova, predavanja Spomenke Štimec i izložba kineskih slikovnica).
KARLOVAC – 23.XII obilježen je i Dan Zamenhofa i održana skupština društva u Karlovcu te je Spomenka Štimec imala predavanje o Koreji. Premda skromna aktivnost, ipak značajna za grad koji je obnovio svoj rad tek prije nekoliko godina.
RIJEKA – Zamenhofov dan obilježen je tradicionalnom priredbom 11.12. sa kulturnim sadržajem. U programu je sudjelovao i Ivica Špoljarec sa predavanjem o Južnoj Americi, a prisustvovalo je više od 50 članova društva.
SPLIT – Savez za esperanto Općine Split organizirao je svečanu Akademiju u čast proslave 100 godina esperanta i 125-te godišnjice rođenja osnivača esperanta dr. Lazara Ludviga Zamenhofa. Akademija je održana dana 17.12.1987. u kino dvorani Muzeja Revolucije. Svečanu akademiju otvorio je prof. Ivo Osibov. Pred prepunom salom zatim su nastupili učenici osnovne škole "Vjeko Butir" iz Kaštela, članovi Društva za esperanto "Dinko Šimunović" iz Sinja, članovi Folklornog društva "Jedinstvo" iz Splita te Ibrica Jusić sa svojim uvijek rado slušanim pjesmama. Možda se može pričati o nizu manjih organizacijskih propusta ali to nije pokvarilo opću sliku o priredbi koja je bila sve u svemu dobra. No moramo znati da Savez za esperanto općine Split ima dosta poteškoća u svom radu. Predsjedništvo Saveza radi bez predsjednika i sekretara koji su napustili te funkcije radi prezauzetosti. Novi još nisu izabrani. Valjda će u toku godine. Isto tako Savez nailazi na niz problema administrativne prirode. Primjećuje se nedostatak mlađeg kadra. (T.V.)
ZAGREB – Zajednička proslava Zamenhofovog dana održana je u Zagrebu za sva zagrebačka društva 14.XII u Društvenom domu Trešnjevka. Prvo je održan susret pionira Zagreba (nastupile su grupe osnovnih škola u kojima se uči esperanto sa svojim kulturnim kraćim programima). Zatim je održana akadeija u kojoj je nastupio Mladen Šerment s recitiranjem pjesama iz Sekeljeve knjige "Odapni strelu", Lada Kos je pjevala svoje šansone među kojim i dvije na esperantu, a na kraju je prikazan film "Angoroj". Prisustvovalo je stotinjak esperantista.

## 30–GODIŠNJICA STUDENTSKOG ESPERANTSKOG KLUBA IZ ZAGREBA

16.X. održana je proslava 30-godišnjice SEK-a.Klub je osnovan 1957. godine i tim je povodom u Zagrebačkom kazalištu lutaka održana svečanost na kojoj je o počecima Kluba govorio prvi tajnik Kluba Vjekoslav Morankić. Nakon toga je Dramska grupa izvela predstavu "Iz života kukaca" Čapeka na esperantu. Poslije svečanosti održano je tradicionalno okupljanje starih i mladih SEK-ovaca u hotelu International. Sudjelovalo je 80-tak ljudi među kojima i SEK-ovci koji danas žive izvan Zagreba pa čak i u inozemstvu.

## TJEDAN ESPERANTA U RIJECI

U Rijeci je u povodu "100-godišnjice esperanta" održan Tjedan esperanta od 7-14.X. o.g. Tjedan je obilovao raznolikim programom. Od dočeka francuskog biciklistc koji obilazi Evropu, vikend-tečaja, razgovora s Tiborom Sekeljom do okruglog stola o esperantu. Održane su tri izložbe, prodavane su knjige i drugi materijali na Korzu. Radio Rijeka, Radio Zagreb i više novina posvetilo je dosta prostora ovom događaju.

## NOVI DELEGAT SEH U SKUPŠTINI IGARA NA SREĆU

U novom mandatu Skupštine igara na sreću od 1987. godine (do 1990.) u 6-članoj delegaciji RK SSOH nalazi se i delegat SEH, dipl. ecc. VERA ROKNIĆ iz Zagreba, savjetnik u Republičkom komitetu za planiranje.

## EKSPRESNI VIKEND TEČAJEVI ESPERANTA PO ZAGREBAČKOJ METODI

U Zagrebu se redovno održavaju besplatni vikend tečajevi svaki mjesec. Do sada ih je održano devet. Na svaki se javi od 30-100 polaznika (tokom godine ukupno 600) a cijeli tečaj ( i drugi vikend) završi prosječno 30% polaznika. Svi su oni položili A-ispit i dobili diplome. Osim u Zagrebu vikend-tečajeve organiziraju Osječani i Riječani, a planiraju i neki drugi gradovi.

## OSNOVANO DRUŠTVO ZA ESPERANTO U SINJU

22.X.1987. je službeno osnovano prvo Društvo za esperanto u Sinju, koje je tokom godine već imalo niz zapaženih aktivnosti. Društvo nosi ime književnika Dinka Šimunovića. Predsjednik Društva je Tomislav Grčić, zamjenik predsjednika Tea Vukelić a tajnik Smiljana Klarić.

DRUŠTVO ZA ESPERANTO
„Dinko Šimunović"
pošt. pret. 70
58230 SINJ

## AKTIVNOSTI JUGOSLAVENSKOG SAVEZA ESPERANTISTA

14.11.1987. održana je sjednica Predsjedništva JEL-a u Beogradu na kojoj je između ostaloga definitivno prihvaćeno održavanje i program IJK u Zagrebu 1988. te kandidati za nove funkcije u JEL-u. Većina republ. saveza je iznijela i sastave svojih delegata u novu skupštinu JEL-a (po 4 člana iz svake republike). Za Hrvatsku su to Ivo Osibov, Ankica Jagnjić, Sanja Bokulić i Melita Mroček.
9.12.1987. je delegacija JEL-a bila na razgovoru sa drugom Hrvatinom, predsjednikom i Milivojem Tatićem, sekretarom Koordinacionog odmora za društvene organizacije SK SSRNJ. Drug Milan Kočiš i Nikola Rašić izvijestili su o pripremama za IJK i dobili niz sugestija u vezi kongresa i drugih nekih inicijativa koje treba pokrenuti pri saveznoj konferenciji SSRNJ.
9.12. održana je skupština JEL-a u Novom Sadu, na kojoj je između ostaloga konstituirana nova skupština te izabran novi predsjednik (Gvozden Sredić), a tajniku (Đorđe Dragojlović) je produžen mandat.

---

## EKSPOZICIO: „HOMOJ DE BONA VOLO"

La lasta inter pluraj aranĝoj kiujn okaze de la Jubilea Jaro organizis zagrebaj esperantistoj estis ekspozicio, kiu celis al vasta publiko prezenti elstarajn homojn kiuj grave kontribuis la evoluon kaj la disvastigon de Esperanto. Krom tio temis pri la homoj kiuj kiel personoj estas elstaraj kaj interesaj al ekstermovada publiko. La ekspozicio konsistis el grandformataj foto-portretoj kun mallongaj biografioj. La 12 portretoj de: Zamenhof, Hodler, Privat, Lanti, Kalocsay, Baghy, Hujucz, Szerdahelyi, Waringhien, Itoô, Sekelj kaj Gjivoje estas la kerno kiun la organizanto intencas daŭre pliriĉigadi (la proponoj bonvenas! ). Aldone ekspozicieblas E-libroj, E-kongresoj, bilindula agado ktp.

La ekspozicio okazis en Junulara Centro (Omladinski centar, Zagreb) inter la 14-a kaj la 19-a de decembro. Post la malgrandaj teknikaj plibonigoj la ekspozicio estos pruntebla interkonsente kun la organizanto: Intenacia Kultura Servo, Amruŝeva 5/1, YU-41000 Zagreb.

---





# KALENDARO

# 1988

## FEBRUARO

5 – 7 SEMINARIO POR KURSGVIDANTOJ, Zagreb – Pionirski grad. Anoncoj ĉe: IKS, Amruševa 5, Tel: 041/424-660. Restadkostoj: 20.000,- din.

27 JARKUNVENO DE KROATIA ESPERANTO-LIGO
Informoj: KEL, Amruševa 5/I, 41000 Zagreb

## MARTO

16 – 17 JUNULARA KVIZO DE KEL, Sisak
Informoj: KEL, Amruševa 5/I, 41000 Zagreb

29 –04 4-a PSI – Printempa Semajno Internacia, Jünkerath/ montaro Eifel, FR Germanio. Temo: Vojoj al pli bona kunvivado inter gepatroj kaj infanoj en eŭropaj familioj. Prezoj: infanoj 50, junuloj 100, plenkreskuloj 180 DM. Aliĝoj ĉe: Hedwig Fischer, Gustav-Adolf-Str. 2a, D-4418 Nordwalde, tel. 02573-626.

30 – 04 12. INTERNACIA JUNULARA FESTIVALO, Castiglione dei Pepoli (Bologna), Italio. Temo: De Odiseo al kosmoŝipoj: esplorado de novaj mondoj. Prezo: 85.000–150.000 italaj liroj. Informoj kaj aliĝoj ĉe: Anna Cosenza, via Diaz 14, I-34170 Gorizia (GO), tel. 0481-89084

## APRILO

1 – 3 INTERNACIA SEMINARIO POR INSTRUISTOJ DE ZAGREBA METODO, Zagreb – Sljeme. Samtempe okazos Laborgrupo pri kunlaboro de esperantistoj en Alpoj-Adriatika regiono. Informoj: KEL, Amruševa 5/I, Zagreb.

2 – 4 JER – JUNULARA ESPERANTO-RENKONTO, Eger, Hungario. Prezo: ĉ. 825 forintoj. Informoj: HEA, pf 193, H-1368, Budapeŝto.

3 – 9 INSTRUMETODOJ: INTERNACIA RENKONTO DE INFANOJ, Grésillon, Francio. Adreso: Esperanto-domo, Grésillon, F-49150 Baugé.

19 – 24 **INTERLIBER – VENDOEKSPOZICIO DE E-LIBROJ kadre de la Zagreba Foiro. Informoj: IKS, Amruševa 5/I, Zagreb.**

27 – 01 16-a SCIENCA INTERLINGVISTIKA SIMPOZIO, Varsovio, Pollando (Akademia Centro Interlingvistika, Ordynacka 9, PL-00-950 Warszawa. Temo: "Lingvo-komunikado kaj lingvo-planado").

MAJO

20 – 22 **JUNULARA RENKONTIĜO kaj prezento de kulturaj aktivecoj de junaj esperantistoj el Kroatio, Kumrovec. Informoj: KEL, Amruševa 5/I, 41000 Zagreb.**

JULIO

1 – 8 SEU – SUMERA ESPERANTO-UNVERSITATO, Gyula, Hungario. Apliko de Esperanto en la sciencoj kaj instruado. Prezoj: 2.500-6.000 forintoj. Informoj: HEA, pf. 193, H-1368 Budapeŝto

15 – 22 **44-a IJK – INTERNACIA JUNULARA KONGRESO de TEJO, Zagreb, Jugoslavio. Temo: Komunikado en la 21-a jarcento. Informoj kaj aliĝoj ĉe: KEL, Amruševa 5/I, YU-41000 Zagreb, tel. (041) 424-660.**

23 – 30 73-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO, Rotterdam, Nederlando. Informoj kaj aliĝoj: UEA, Nieuwe Binnenweg 176, BJ-3015 Rotterdam.

AŬGUSTO

6 – 13 61-a KONGRESO DE SAT, Campos do Jordao, Brazilo. Kotizo (partopreno, loĝado, manĝoj): ĉ. 1300 FF (sen vojaĝo!). Aliĝo, inforoj kaj pagoj ĉe: K. Barković, 67 Avenue Gambetta, F-75020 Paris, Francio.

18 – 21 KEF – Kultura Esperanto-Festivalo 2, Lund, Svedio. Informoj: Esperanto-Centro, Brunnsgatan 21, S-11138 Stockholm.

25 – 31 **21-a PUPTEATRA INTERNACIA FESTIVALO – PIF, Zagreb. Informoj ĉe: Internacia Kultura Servo, Amruševa 5/I, YU-41000 Zagreb.**

# Semajno de Internacia Amikeco

Erik Carlen, forpasinta aktivulo sur diversaj esperantistaj kampoj, konceptis la esencon de la Semajno de Internacia Amikeco. La Semajno estas festata ĉiujare dum la lastaj plena semajno de februaro (mezurita de dimanĉo ĝis sabato, do en 1988 de la 21a ĝis la 27a de februaro). Ĝi celas du aspektojn de la Esperanto-movado, kiuj helpas ĝin difini kaj plifortigi. Unu estas pliviglgo de kontaktoj inter esperantistoj en diversaj landoj; la alia, la konscia ligado de Esperanto kun nemovadaj rondoj. Ambaŭ tiuj celoj instigas niajn grupojn kaj membrojn rigardi ekster sin al la pli vasta mondo; kaj tio estas saniga fenomeno en iu ajn socio aŭ movado.



## Amikeco trans limoj

### Sugestoj pri agado dum la Semajno de Internacia Amikeco

**1) Unuopaj esperantistoj**

a) Sendu amikajn salutojn dum la Semajno al gekonatoj, ne nur al esperantistoj sed ankaŭ al aliaj.
b) Atentigu pri la ekzisto de la Semajno per letero al via loka ĵurnalo, aŭ en aliaj societoj en kiuj vi estas membro, kaj instigu aliajn personojn kune festi.
c) Partoprenu la lokajn kunvenojn (vd. sube).

**2) Lokaj Esperantaj grupoj kaj societoj**

a) Aranĝu publikan kunvenon. Invitu precipe la junularon. Invitu la urbestron aŭ alian eminentulon por paroli. La esperantistoj faru mallongan prelegeton pri Esperanto kaj pri ĝiaj ebloj krei amikecajn kontaktojn inter diversaj popoloj. Kompreneble tia kunveno povus havi multajn diversajn formojn, kaj tiu mencita ĉi tie estas nur unu tia sugesto.

b) Dum unu el la vesperoj de la Semajno, aranĝu privatan amikecan feston por la klubo. La klubo sendu salutkarojn al kluboj en aliaj landoj.
c) Presigu-afiŝojn. La teksto estu nacilingva kaj priskribu la Semajnon. Tiajn afiŝojn oni povas disdoni al butikoj, kun peto, ke oni montru ilin en la butiko antaŭ kaj dum la Semajno.
c) Petu eminentulon fariĝi protektanto de la Semajno en via regiono.
d) Sugestu al via urbestro, ke li/ŝi organizu ian eventon kunligc kun la Semajno. Se la urbo havas ĝemelajn urbojn en aliaj landoj, aranĝu interŝanĝon de salutoj inter la urbestroj, prefere per Esperanto, en kunlaboro kun la Esperanto-grupoj en tiuj urboj.
e) Atentigu viajn lokajn lernejojn kaj preĝejojn pri la ekzisto kaj celo de la Semajno, kaj sugestu, ke oni enplektu la Semajnon en siajn lecionojn, predikojn ktp.
f) Persvadu la urbestron oficiale proklami la Semajnon speciala semajno en la vivo de la urbo, kaj mencii la internacian amikecon en siaj paroladoj.
g) Nepre raportu pri via agado al la Centra Oficejo de UEA Nieuwe Binnenweg 176, 3015 Rotterdam, Nederlando, kun kopio al la Internacia Societo de Amikeco kaj Bonvolo, P.O. Box 756 Schelby, NC 28150-0756 Usono. Sendu raportojn ankaŭ al taŭgaj Esperantaj gazetoj, kaj en nacia lingvo al la lokaj ĵurnaloj.

---

## 28aj INTERNACIAJ FLORAJ LUDOJ - 1988



Kataluna Esperanto-Asocio kaj la Konservantaro de la Internaciaj Floraj Ludoj invitas la esperantistajn verkistojn konkurse konkuri per siaj plej valoraj verkoj en la tradicia trobadora Festo de la 28-aj Internaciaj Floraj Ludoj, kiu okazos en la kadro de la 24-a Kataluna Kongreso de Esperanto en la jaro 1988. La partopreno en la konkurso estas senpaga. La ĵurio aljuĝos la premiojn ROZO al la plej kvalita ampoemo, EGLANTERIO al la plej bona priesperantisma poemo, VIOLO al la plej bela humanisma aŭ etika poemo, FREDERIC PUJULA I VALLES al la plej bona beletra novelo aŭ fabelo, AMARANTO al la plej kvalita beletra eseo.
Krome la ĵurio aljuĝos NATURAN FLORON al la plej valora verko el la aljuĝitaj premioj. Laŭ bela kutimo trobadora la gajninto de la NATURA FLORO oferos ĝin al damo je sia elekto, kiu – proklamita Reĝino de la Trobadora Festo – disdonos la aliajn premiojn al la koncernaj verkintoj.
Oni ne rajtas, konkursi pere de verkoj antaŭe premitaj kaj/aŭ publikigitaj ie ajn. La verkojn tajpitajn je duobla interlinio prezentu en formato A/4. Poemoj ampleksu minimume 14, maksimume 150 versojn; prozaĵoj ampleksu minimume 2, maksimume 12 paĝojn po 35 linioj, po 60 literspacoj.
La verkojn sendu, po ses ekzempleroj, nur ĝis la 30-a de aprilo 1988 – laŭ la poŝta stampo – al la Sekretario de la Konservantaro: Joan Ramon Guinón i Roset, Carrer Vilamarí 106-108 baixos interior segona, E-08015 Barcelona, Catalunya/Katalunio (Hispanio).

---

## BELARTAJ KONKURSOJ

La Belartaj Konkursoj de UEA celas evoluigi la artojn en kaj per de la Internacia Lingvo. Ili okazas en la Universalaj Kongresoj, sub aŭspicio de UEA. Rajtas konkursi ĉiu esperantisto.

**Branĉoj:** 1. Originala poezio; 2. Originala prozo, 3. Premio Luigi Minnaja, por eseo pli ampleksa; 4. Originala drameto; 5. Kanto; 6. Fotografio; 7. Infana Literaturo.

**Premioj** por branĉoj 1, 2, 4 kaj 6: unua 280 gld.; dua 196 gld; tria 112 gld.; Nova Talento 196 gld.

La nomo de la Nova Talento aperas sur la pokalo "Henry Harabagiu".

En la tria branĉo, Premio Luigi Minnaja estas aljuĝata unu premio, kies valoro estas la jara rento de 4000 gld.

En la kvina branĉo estas aljuĝata unu premio de 280 gld., Premio An-okin pri Kanto (vidu Esperanto, okt. 1983, p. 166).

La branĉo Infana Literaturo proponas premion de 588 gld. al tiu eldonejo, kiu en la antaŭa jaro eldonis la plej elstaran infanlibron (vidu Esperanto, okt. 1981, p. 167).

**Reguloj:** konkursaĵoj por la branĉoj 1-5 devas esti sendataj en po 4 ekzempleroj al la sekretario. Por la branĉo 5 oni sendu muziknotojn kun teksto. Tiuj konkursaĵoj alvenu ĝis la 31a de marto de la koncerna jaro. Laŭeble, oni aldonu 5 irk. por ĉiu branĉo, en kiu oni konkursas.

Konkursaĵoj por branĉo 6 estu sendataj en unu ekzemplero al "Foto-konkurso", p/a la LKK de la koncerna Universala Kongreso, por alveni ĝis la 1a de julio.

Por branĉo 6, Infana Literaturo, oni sendu tri ekzemplerojn de la libro al la CO ĝis la 31a de marto.

La kompleta regularo de la Belartaj Konkursoj estas senpage ricevebla de la CO de UEA aŭ de la sekretario: p/a Neil Salvesen (sekr.), 32 Park Range, Victoria Park, Manchester, Britujo M14 5HQ.

---

BELARTAJ KONKURSOJ '87 – ORIGINALA PROZO – HONORA MENCIO

Velimir PIŠKOREC ( Đurđevac)

# VIVEROJ

al Simone

Decembras.

Nervoj streĉitaj pro ĉiutaga zumzumado trianguleca: studenta hejmo – tramstacio – universitato.

Enĉambriĝante. Kunĉambrulo denove neglektis ordigi sian litotukon.

Lavejo. Lavujoj ornamitaj per reto da buklaj haroj kaj verdeflavaj kraĉaĵoj. Radiatoro ne ripareblas. Ĉambroflegistino larĝokula. Kantanta. Bovino blekanta.

Semajnofino. Finfine. Denove hejme... Nebulo. Familia vespermanĝo. Denove nebulo.

— Kiam mi estis je via aĝo, mi ja perlaboris por mi mem... Ĉu vi konscias kiom ni rezignas pro vi?

Momente glaciiĝis ondoeĥo tamtama. Lunda frumateno. Finfine. Trajno. La trajno tremadas tra enue trankviliga ebenaĵo. La urbego. Denovas. Ĉio denovas. Ĉio terure malnova kaj denova.

Iluzioj eluziĝas. Kiel ĉemizoj eluzitaj, kiujn oni tamen ne ĉesas surhavi malgraŭ defrotitaj kolum- kaj manikrandoj. Eĉ kiam oni fine decidiĝas aĉeti novan ĉemizon, la malnovan oni ordeme demetas en vestaĵoŝrankon, kvazaŭ ĝi estus trezorejo.

Atendante tramon postprelege. Gemikoj.

Ĉu koncepto miskomprenata?

Ĉu vi ŝatas Handke?

Pasante la urbetan parkon. Frosto. Kaŝtanarboj. Kulisoj senmovaj. Ni amikas. Ni amikumas. Ni umas. Ni kvazaŭumas. Ni evidente tre longe konatas. Tiu tempolongo nature sufiĉis por kuraĝigi nin reciproke vundadi. Pafadi el egaj pafiloj. Disĉifi ĉelojn. Distranĉeti kromosomojn. Frakasi molekulojn. Senŝeligi atomojn. Por spertigi nin kvazaŭe.

Repasante la urbetan parkon. Frosto. Kaŝtanarboj. Kulisoj senmovaj. Kiel iam la romantiko varmigas la koron. Neĝo falanta, neĝeroj floretas...

— Ĝis kiam vi permesatas resti?...

— Ĝis la deka... (Turnhorloĝo batbatantas — kiel iliaj koroj.)

— Restu ankoraŭ iomete...

— Mi ne rajtas!

— Restu, mi petas... (Kaj la vortoj perdiĝis en vintra vento.)

La neĝo kovris ŝian hararbendon.

Ni fakte serĉis ĝin sekvontan printempon. Aero odoris je siringoj. La hararbendo ne plu aperis.

Vicatendante en la studenta manĝejo.

Ili ĉiam ploras — ĉu lasataj, ĉu lasantaj.

Mezepoka muzeo. Larmujoj. Diverskoloraj, etaj konfuziĝis surprizitaj.

Mordetante ungojn ĉe tajpmaŝino.

Vortoj similas homojn.

Ambaŭ kvazaŭkomprenataj. Asimptotoj de sia ekzisto.

Gapante la kalendaron. Mi forvojaĝos.

Rigardante sin en la busa spegulo. Tamen bonas esti dum kelkaj tagoj kun preskaŭ konataj personoj. Tiel pro tempomanko oni ne povas pretigi vundilojn. Kutime, ĝuste antaŭ la militanonco, ĉio disiĝas.

Trinkante kafon dum vintroferia posttagmezo.

Preskaŭa ampoemo.

Unue mi malvarmumis.
Tuj poste ŝi same ekumis.
Tiam ni kune kunumis.
Sed — ŝi jam amindumis.

Ponto super Rejno.

Vortoj ofte superfluas. Fluas supren...

Razante min.

Se oni povus vojaĝi tratempe, sufiĉus vojaĝi futuren por trovi sian verkon, kiu iame devis esti verkota.

Irante laŭ la urbeta ĉefstrato dum neĝas. Kelkaj frazoj sonorbatetas en la oreloj.

Ĉu elfuturaj?

Januaras.



# utile kaj interese

## TUTMONDA ADRESARO

En Francio, la Esperanto-poŝtistoj planas presigi tutmondan adresaron, kies unua eldono enhavos la adresojn de 5.000 esperantistoj. Enskrib-kartoj estas haveblaj, sendante internacian respondkuponon al Esperanto-PTT, BP 126, F-05004 Gap. Cedex.

## D-ro IVO LAPENNA 1909–1987

D-ro Ivo Lapenna naskiĝis la 5-an de novembro 1909 en Split. Doktoriĝis pri juro. Estis universitata profesoro pri internacia juro kaj historio de diplomatio en Zagreb, advokat-konsilisto ĉe Internacia Kortumo en Hago de 1947-48, membro-kunlaboranto de pluraj naciaj kaj internaciaj akademioj kaj fakaj institucioj. Profesoro pri kompara soveta kaj orienteŭropa juro en Universitato de Londono ĝis emeritiĝo. Agado por Esperanto: Lernis la lingvon en 1928 kiel studento en Zagreb. Kunfondinto de Akademia E-klubo samloke kaj ĝia prezidanto de 1929-1949. De 1937-1941 prezidanto de Jugoslavia E-Ligo. Ekde 1955 ĝenerala sekretario de UEA, ekde 1964 ĝis 1974 prezidanto de UEA. Fondinto de la Centro de Esplorado kaj Dokumentado de 1952 kaj ĝis 1974. Honorofica direktoro de CED, membro de Akademio de Esperanto ekde 1952. UNESCO: observanto ĉe ties konferencoj en Parizo 1952 kaj Montevideo 1954. Atingis por UEA la staton de organizaĵo kun "Konsultaj Rilatoj". Ekde 1976 kunfondinto de Neŭtrala Esperanto-Movado kaj la revuo "Horizonto". Aŭtoro de pluraj E-lernolibroj kaj diversaj fakaj verkoj. Forpasis la 15-an de decembro 1987.

## KOMPUTILA RONDO




Germana Esperanto-Junularo
Komputila Rondo
Jürgen Wulff
Poŝtfako 10 14 22
D-2000 Hamburg 1
FRG

## PAUL NEERGAARD (1907 – 1987)

La 13-an de novembro, 1987 en la aĝo de 80 jaroj, mortis la renoma sempatologo kaj esperantisto Paul Neergard en Kopenhago, Danlando. Membro de la Honora Patrona Komitato de UEA de post 1980 kaj Akademiano jam de 1934, Neergard estis unu el la plej elstaraj sciencistoj kiuj aktive batalis por la Internacia Lingvo.

## FILM O ESPERANTSKOM UČITELJU – JUGOSLAVENSKI KANDIDAT ZA "OSCARA"

Pobjednik zadnjeg pulskog festivala, film Gorana Markovića "Već viđeno" ("Deja vu") esperantistima je posebno zanimljiv. U narodnom sveučilištu (gdje glavni glumac Mustafa Nadarević u ulozi neuspješnog pijaniste Mihajla podučava glazbu) — može se učiti i esperanto. Goran Marković kao redatelj i scenarist filma izvrsno se narugao esperantistima u liku fanatičnog učitelja esperanta koga je vjerno kreirao Bogdan Diklić. Esperantisti u njegovom razredu uvježbavaju i Njegošev "Gorski vijenac" na esperantu i izvode ga i tamo gdje mu nije mjesto. Publika u kinima dobro se zabavlja. Tokom filma Bogdan Diklić u ulozi nastavnika u nekoliko navrata govori esperanto i vješto se služi "tim nemuštim jezikom". Film je jugoslavenski kandidat za "Oscara". U filmu, kao i u životu imamo marginalnu ulogu. Zanimljivo ga je pogledati da vidimo kako nas vide i doživljavaju drugi. Ovim je Markovićevim filmom poslije "Diktatora" Ch. Chaplina esperanto ušao u kinematografiju, ovaj put u kriminalistički žanr. Film visoke kvalitete sigurno će imati brojne gledaoce i izvan naše zemlje. (s.š.)

## KONGRES SLIJEPIH ESPERANTISTA

Odmah po završetku 72. Međunarodnog esperantskog kongresa, u Warszawi je u trajanju od 2. – 8.8. održan 55. Međunarodni kongres slijepih esperantista. Kongresu je prisustvovalo 230 slijepih esperantista s pratiocima iz 23 zemlje sa tri kontinenta, Azije, SAD-Kanade i Evrope. Iz Jugoslavije ih je bilo 16. Kongres je donio 3 Rezolucije, koje će biti poslane svim vladama u svijetu s ciljem da se esperanto službeno uvede u naše škole itd. Slijedeći kongres održat će se 1988. godine u Rotterdamu.

## RADIO TALLINN

Post 15-jara interrompo elsendo en Esperanto estas denove aŭdebla el Estonio. Ĝi okazas la unuan kaj trian ĵaŭdon de ĉiu monato de 22.25 ĝis 22.30 h (UTC) per ondoj 290 m (1034 kHz) kaj 49.30 m (6085 kHz); ĝi estas ripetata la sekvantan dimanĉon de 10.25 ĝis 10.30 h per samaj ondoj. Informoj pri aŭdebleco estas atendataj ĉe Estona Radio, Esperanto-fako, SU-200100 Tallinn, Estonio, Sovet-Unio.

## RADIO MARIBOR

En Jugoslavio, loka radiostacio Maribor dissendas de post decembro 1985 la novaĵojn kaj veterprognozon en Esperanto. La elsendo aŭdeblas ĵaŭde je 11.35 h. (MM2, ultramallongaj ondoj 102.8 MHz), ankaŭ en najbara Aŭstrio. Tradukas kaj parolas anoj de Esperanto-societo Maribor.

## NEOLOGISMOJ

Edwin de Kock surkartigas neoficialajn vortojn, ĉerpitajn el la Esperanta literaturo, cele al eldono de Literatura vortaro. Aperos ankaŭ indikoj pri fontoj, uziteco ktp. Li tial serĉas (1) eldoniston, (2) kunlaboron de verkistoj. Skribu al li ĉe Posbus 902-143, Bon Accord, RSA-0009, Sudafriko.

## BELETRO

Dum tri kaj duona jaroj aperadis en Japanio la beletra revuo Preludo, kiu en aŭgusto 1987 atingis jam sian 15-an numeron. La respondeculoj – Hayasi Ken, Huzimaki Ken'iti kaj Ueki Taro – bonvenigas alilandajn kontribuojn kaj abonojn (3000 enoj, ĉ. 35 gld.) ĉe 501 Okaissiki, Numazu-si, 410 Japanio.

## NAGRADA ZAMENHOF DIREKTORU UNICEF-a

James P. Grant, generalni direktor UNICEF-a (organizacije Ujedinjenih naroda za brigu o djeci), na svečanosti u New Yorku 11.12.1987. primio je nagradu "Zamenhof" za međunarodno razumjevanje, koju dodjeljuje Svjetski savez za esperanto (UEA).

Dr Grant je obavljao niz značajnih dužnosti u vladi SAD-a te razne poslove u UN, a posebno one koji su vezani uz razvoj međunarodne pomoći.

Organizacija UNICEF, na čijem je on sada čelu, je cijenjena organizacija koja se brine o unapređenju zdravlja, ishrane i obrazovanja djece širom svijeta. UNICEF je 1965. za svoj rad dobio Nobelovu nagradu za mir.

Nagradu "Zamenhof" su do sada primili Robert Muller, pomoćnik generalnog sekretara Ujedinjenih naroda i Amadou Mahtar M'Bow, generalni direktor UNESCO-a.

## SIMPOZIJ U BEČU

Krajem listopada 1987. godine u Beču je pod pokroviteljstvom Bečkog sveučilišta, Nacionalne biblioteke, Ministarstva znanosti i istraživanja te niza drugih institucija održan simpozij esperantologa i lingvista "Esperanto 100-jara". Među stotinjak učesnika simpozija bilo je i 10-tak Jugoslavena, a Nikola Rašić iz Zagreba je govorio o problemima definicije esperantske književnosti.

## ENTOMOLOŠKI MUZEJ U KINI

U lipnju 1987. godine je osnovan prvi Entomološki muzej u Kini u okviru Fakulteta agrikulture u sjeverozapadnoj Kini. Muzej je smješten u peterokatnoj zgradi na oko 2000 m2 površine. Predsjednik i niz suradnika muzeja govore esperanto, koji je ujedno i radni jezik muzeja, a i naziv muzeja na pročelju je na esperantu. Muzej je već uspostavio suradnju s više od 700 institucija u 60 zemalja.

(Entomologija = nauka o insektima)

ČITAJTE

REDOVNU RUBRIKU "ESPERANTO"

U "VEČERNJEM LISTU"

ČETVRTKOM

SLUŠAJTE

"EMISIJU ZA ESPERANTISTE"

NA PRVOM PROGRAMU
RADIO ZAGREBA

NEDJELJOM U 23.45 SATI

---

ESPERANTO ★



IFEF · FISAIC

40A IFEF-KONGRESO

PERPIGNAN - FRANCIO

4.-11.JUNIO 1988

Adreso: 40a IFEF-kongreso.
1bis, Rue d'Athènes
F-75009 PARIS
Poŝta konto: 52 14 35 H PARIS

## VIRINA AGADO EN UEA

La Estraro kaj la Komitato de UEA akceptis en Varsovio la planon kaj la rezolucion favore al la virina agado. Estas preparata aparta seminario por virinoj en aprilo 1988 en Svedio. Pliaj informoj riceveblaj ĉe: Elsbeth Bormann, Schärstr. 26, D-2050 Hamburg 80.

## ESPERANTO U PRILEPU

Rijetko koji grad u svijetu ima toliko stvari koje reklamiraju esperanto kao što ih ima Prilep. Naziv "Esperanto" imaju: motel, slastičarna, cvječarna, autobus, vrsta cigareta i pića; ime Zamenhofa je prisutno u nazivu ulice, očne klinike, uličnog mozaika i spomenika. Osim toga postoje trgovine s nazivima "Libero", "Verda Stelo" i "Amiko", te niz turističkih i drugih informacija na esperantu.

## MONGOLIJA

Č. Dongsuren i Č. Lunsangav, stručnjaci za jezike Državnog sveučilišta Mongolije, nedavno su osnovali Udruženje esperantista Mongolije pod okriljem Saveza pisaca Mongolije. Udruženje organizira tečajeve esperanta i bavi se prevođenjem značajnijih djela iz mongolske književnosti.

## IZLOŽBA U OKSFORDU

Renomirana biblioteka Oksfordskog fakulteta organizirala je veliku i studioznu izložbu o esperantu, koja je bila otvorena od listopada do prosinca 1987. Sadržajan i detaljan vodič i katalog izložbe opisuje brojne pozitivne strane i dostignuća esperanta kao jezika i pokreta tokom 100 godina.

## KVIN MINUTOJ ESPERANTE — AŬTOMOBILO

1 tegmento
2 retrospegulo
3 antaŭa glaco
4 stirrado
5 glacoviŝilo
6 kapoto
7 numerplato
8 radiatorkrado
9 reflektoro
10 parklampo kaj ĝirindikilo
11 bufro
12 naboĉapo
13 pneŭmatiko, pneŭo
14 kotŝirmilo
15 anteno
16 pordo
17 ventolluko
18 seruro
19 anso
20 postlumo
21 postbufro
22 kofrokovrilo
23 malantaŭa glaco
24 riglilo



# BELA ESTAS ZAGORJE LA VERDA

Lepe ti je Zagorje zelene



Bela estas, bela estas Zagorje la verda,
Zagorje la verda, Zagorje la verda.
Bela estas, bela estas Zagorje la verda.
Sed pli belas blanka Zagreb–urb'.

Cep', butero, kremo, lakto, ovoj kaj terpomoj,
Ovoj kaj terpomoj, ovoj kaj terpomoj.
Cep', butero, kremo, lakto, ovoj kaj terpomoj
Ĉio iras nun al Zagreb–urb'.

Vi sidiĝis, vi sidiĝis, jam maŝino fajfas,
Jam maŝino fajfas, jam maŝino fajfas.
Vi sidiĝis, vi sidiĝis, jam maŝino fajfas,
Kaj veturas nun al Zagreb–urb'.

Kuru, Janko, kuru Janko, trajno jen forkuros,
Trajno jen forkuros, trajno jen forkuros.
Kuru, Janko, kuru Janko, trajno jen forkuros,
Vi ne iros nun al Zagreb–urb'.

Ĝi forkuru, ĝi forkuru, jam bilet' enpoŝas,
Jam bilet' en poŝas, jam bilet' enpoŝas.
Ĝi forkuru, ĝi forkuru, jam bilet' enpoŝas,
Mi ja iros nun al Zagreb–urb'.

Tradukis: Zvonko Rehorić



Tiu ĉi tradicia popolkanto devenas el la regiono Zagorje, kiu situas tuj norde de Zagreb. La kanto estas tre ŝatata kaj kantata en Zagorje kaj Zagreb. La originala teksto estas en la kajkava dialekto de kroata lingvo.
Ĝi estu ankaŭ la invitkanto al la 44-a IJK kiu okazos en Zagreb en 1988.
La notoj kaj la traduko estas prenitaj el la kantokolekto "Kantoj kaj romancoj en esperanto" (aŭtoro D. Štokić), mendebla ĉe IKS, Amruševa 5, Zagreb).

L. L. ZAMENHOF




Tra densa mallumo briletas la celo,
Al kiu kuraĝe ni iras.
Simile al stelo en nokta ĉielo,
Al ni la direkton ĝi diras.
Kaj nin ne timigas la noktaj fantomoj,
Nek batoj de l' sorto, nek mokoj de l' homoj,
Ĉar klara kaj rekta kaj tre difinita
Ĝi estas, la voj' elektita.

Nur rekte, kuraĝe kaj ne flankiĝante
Ni iru la vojon celitan!
Eĉ guto malgranda, konstante frapante,
Traboras la monton granitan.
*L' espero, l' obstino, kaj la pacienco* –
Jen estas la signoj, per kies potenco
Ni paŝo post paŝo, post longa laboro,
Atingos la celon en gloro.

Ni semas kaj semas, neniam laciĝas,
Pri l' tempoj estontaj pensante.
Cent semoj perdiĝas, mil semoj perdiĝas, –
Ni semas kaj semas konstante.
"Ho, ĉesu!" mokante la homoj admonas, –
"Ne, ĉesu, ne ĉesu!" en kor' al ni sonas:
"Obstine antaŭen! La nepoj vin benos,
Se vi pacience eltenos"

Se longa sekeco aŭ ventoj subitaj
Velkantajn foliojn deŝiras,
Ni dankas la venton, kaj, repurigitaj,
Ni forton pli freŝan akiras.

Ne mortos jam nia bravega anaro,
Ĝin jam ne timigos la vento, nek staro,
Obstine ĝi paŝas, provita, hardita,
Al cel' unu fojon signita!

Nur rekte, kuraĝe kaj ne flankiĝante
Ni iru la vojon celitan!
Eĉ guto malgranda, konstante frapante,
Traboras la monton granitan.
L' espero, l' obstino kaj la pacienco –
Jen estas la signoj, per kies potenco
Ni paŝo post paŝo, post longa laboro,
Atingos la celon en gloro.

La informa tabulo starigita en la Ĉefa Fervojstacio de Zagreb (Glavni kolodvor). Decembro, 1987.




Kanada kantistino Joelle Rabu, kun la muzikistoj, dum la solena koncerto okaze de la Aranĝo „100 jaroj de Esperanta Kulturo" en Zagreb. 02. 08. 1987.

fotis: iš